# 60-a jaro

## n-ro 156 2019:2

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**


# La Lampiro


Redaktanto: Paulo Sérgio Viana (psviana@terra.com.br)
Grafikaranĝo: Sajjad Dashti Nezhad
Revizianto: Paulo Sérgio Viana, José Roberto Tenorio







Propra sidejo
Rua Faustolo,
124 - Água Branca
05041-000 São Paulo,
SP - Brazilo
Telefonnumero:
(11) 3862-1183
easp.org.br
contato@easp.org.br


## Jarkotizo por 2019

| | |
|---|---|
| Simpla Membro | R$ 150,00 |
| Subtena Membro | R$ 300,00 |
| Ŝtatinterna Membr | R$ 75,00 |

**Deĵoroj:**
merkrede: 10h – 16h;
ĵaŭde kaj vendrede:
13h – 17h; sabate: 9h – 13h.



# ENHAVO

# VORTOJ DE LA PREZIDANTO

Rapide alproksimiĝas nia 13-a Ŝtata Kongreso. Danke al la sindonemo kaj laboremo de niaj samideanoj en la urbo São Carlos, ĝi denove okazos tie. La dato estas jam fiksita: 12-13-a de oktobro 2019. Ni fervore invitas niajn membrojn al tiu grava Esperanto-evento. Jen okazo por kleriĝo, praktikado de nia lingvo, kursoj, diskutoj, koridoraj kontaktoj, amuziĝo, revido de amikoj. Nia libroservo ĉeestos kun bonaj ofertoj. La adreso: Escola Estadual Doutor Álvaro Guião, Av. São Carlos, 21909, en la urbocentro. São Carlos situas je 2-3-hora veturo el la ŝtata ĉefurbo. La aliĝilo troviĝas en la retejo de EASP. Nepre ĉeestu! Nia movado bezonas vin!

# VORTOJ DE LA REDAKTORO

Jen ni alpaŝas kun nova numero de nia Lampiro. Mi ankoraŭ ne scias, kiom plaĉa estas la akcepto de nur virtuala eldono de nia revuo. Por la kolekto 2018, fakte mankis monrimedoj por aperigo de papera eldono. Per personaj kontaktoj, mi ricevis la impreson, ke pluraj homoj preferas legadon per papero, sed rektaj reagoj tiusence, al la redaktoro, ne venis. Ĉu la legantoj estas kontentaj? Ĉu tiel malkontentaj, ke ili eĉ ne reagas?
Kroman alvokon mi devas ripeti, se mi ne tedas vin: ni bezonas akuratajn verkemulojn. Por aperigo de 26-paĝaj numeroj, nepre necesas, ke vi verku por la revuo, ĉar sensence estus, se la redaktoro devus mem plenigi ilin per si mem. La Lampiro estas tradicia, valora esprimkanalo de la membroj de EASP. Ĝi estas nia kultura manifestacio, ĉiusemestre. Mi kore invitas vin esprimi viajn ideojn kaj sendi ilin al ni por publikigo. Male, kiu estas la senco nomi sin uzanto de Internacia Lingvo?

# DECA ARANĜO POR NIA HIMNO

Esperanto estas kurioza lingvo. Ĝi havas simbolojn, ĝi eĉ havas himnon, kiu kortuŝas ĉiun sinceran adepton de la lingvo. Etnaj lingvoj ne havas tiajn simbolojn - ili estas mem simbolo de la koncerna nacio. Tia aparta trajto ligiĝas al la ideologio de la Internacia Lingvo, nepre ligita al frateco inter ĉiuj popoloj.

Nuntempe, francaj Esperantistoj iniciatas kuriozan entreprenon. Ili opinias, ke nia himno meritas pli decan prezenton, ne simplan akompanon per piano, kiel tradicie. Provenca grupo volas eldoni kompakt-diskon kun La Espero en grandioza akompano de simfoniorkestro. Por tio necesas studio, spertaj muzikistoj, orkestra aranĝo, kantistino, eldonisto. Tio signifas sufiĉe da kosto. Ili planas kolekti monrimedojn ĉie tra la mondo. La tuta projekto kostos 10 mil eŭrojn. La prezidanto de Universala Esperanto-Asocio, Prof-ro Mark Fettes, jam proponis sian apogon; ankaŭ la institucio Esperanto-France kaj diversaj monde konataj Esperantistoj jam proponis sian apogon.

Se vi interesiĝas partopreni en tiu simpatia projekto, kontaktu:
http://www.kanto-espero.org



# PSIKOLOGIO DE JUNG:

## *saĝo, forto, beleco de simbolo, mito, poezieco – vojaĝo de selfie (mem-portreto) al Self (Si-mem)*

Paulo P. Nascentes[1]

Ebla rilato inter *Poezio, Psiĥo kaj Memkono* implicas almenaŭ demandon: kian rolon tiu rilato povas havi dum onia *proceso de individueco*? Gravas esplori, kiel sin prezentas, dum la *kreada proceso,* aspektoj niaj kiaj *libido, nekonscio, arketipoj, persono, ombro, Self*. Aldone al la *persona nekonscio*, funde studita de Freud, Jung prilaboras la koncepton de *kolektiva nekonscio*, transkultura. En ĝi kuŝas arĥetipaj figuroj, simboloj, mitaj imagoj. Sonĝoj kaj artaĵoj ekvidebligas ilin. Ĉu eble iel la greka koncepto, nome *mitopoiesis,* kontribuas al la memkono kaj *individueco*, tiu proceso, kiu helpas integri al la *konscienco,* interalie, aspektojn *umbrajn* de onia psiĥo? Ĉu *metapoetikaj* poemoj, kiuj pritemas Poezion, iel helpas klarigi la temon?

La Antikva Grekujo pritraktas tiajn temojn: *Psiché, Poiesis, Poiétikés, Aisthesis*, laŭ Platono, en *Respubliko,* kaj Aristotelo, en *Arto Poezia,* ekzemple*.* Ili nin inspiras ankoraŭ hodiaŭ. Urĝas enprofundigi la studon pri rilatoj inter kreado, *latu senso,* kaj *Psiĥo.* Tio min instigas ekde mia gradiĝo pri Beletro. De tiam disvolviĝas mia emo al la *poezia diskurso*. Poste venis instruado, Pedagogio kaj, nun, Analiza Psikologio. Ekde la malluma

nokto de nememoreblaj tempoj, en la kolektiva nekonscio, helpe de la *Muzoj*, la Mistero de la *mitopoiesis* daŭre defias la sciencan diskurson. Literatura Teorio, Diskursanalizo, Hermeneŭtiko, Mitologio, Junga Psikologio pretendas kompreni la perspektivojn de psikologiaj ŝanĝoj de tiuj, kiuj sin lasas ravi de la mielaj voĉoj de la *Muzoj*, kiuj al ni proponas la Belon, tra mitoj, metaforoj, simboloj, imagoj, figuroj, serve de la esprimo de Harmonio. Studoj pri Analiza Psikologio, kiel tiuj de la ampleksa kaj profunda verkaro de K. G. Jung kaj aliaj, skizas teoriojn, konceptojn, kategoriojn de analizo kapablajn iom lumigi tiajn demandojn. Rikolti el tiu fonto disajn juvelojn en diversaj publikaĵoj, novajn sencojn pri tio konstituas sufiĉan defion, motivigon, instigon. Senvualigi *vekiĝ--vojojn* al Si-mem (*Self*) gravas, eĉ se en homo plonĝinta en doloron, forgesinta pri sia favor-dono, vivintenco, *senfinaj eblecoj* de la nuntempeco. Gajnas la individuo memkonon; la socio, alir--instrumentojn al tavoloj psiĥaj, kie loĝas aŭtentikeco, senpaga ago, *poetikeco,* latentaj en ĉiu el ni. Dum la gvidado, en IL/UnB, de porinstruista kurso nome *Escrita no ritmo pessoal e uso da MPB como recurso didático* (“ Verkado laŭ persona ritmo kaj uzado de la Brazila Popolmuziko kiel didaktika rimedo”), mi konstatis la pozitivan influon de *liberaj asocioj*, aŭtomata skribado, *teksto-kiel--proceso kaj esprimo*. Tiuj estas antaŭaj etapoj, kiuj portas econ al la *teksto-kiel-produkto kaj komunikilo*. Sennombraj kaj entuziasmaj estis la raportoj de instruistoj pri la portugala kaj tekstoproduktado. Ili estis kvazaŭ *prenitaj* de la komplekso de *demiurgo*, de kreanto, kiun ili eĉ ne suspektis ekzisti en si.

La kerna celo de tia studo estas do analizi rilatojn inter Poezio, Psiĥo kaj Memkono, lume de kernaj konceptoj de la Junga Psikologio kaj iliaj implikoj en onia *individuiga proceso*. Konsideri, kadre de la *Aisthesis,* studojn pri lingvaĵo, poezieco, elementoj de la arketipa poezia diskurso en la mito, feina rakonto, imagoj, simbolo, metaforo, ritmo, fraza melodio. Reviziti, kadre de la Analiza Psikologio, nociojn kiajn *mio, libido, senkonscienco, arketipoj, kompleksoj, persono, ombro, Self*. Fine, rilatigi tiujn konceptojn por laŭvice alnomi iliajn eblajn kontribuojn al la klarigo de la mistero, kiu ĉirkaŭas la Poezion kiel esprimilon de animo kaj Spirito.

Alivorte, kian kontribuon la *poezia produktado* aldonus al la integrigo de la ombro al la konscio, dum *individuiga proceso*? Kiel la poezia kreado kontribuas al la proceso de memkono cele al la *individuigo* de iu subjekto? Kerna

hipotezo de tiu studaĵo estas vidigi tion, ke eble verkado de poeziaĵo, serĉo de ena persona ritmo, ellaborado de mitoj, simboloj, imagoj, metaforoj por la esprimado de nekonsciaj enhavoj, tio povas faciligi psikologiajn ŝanĝojn de individuo serĉe de memkono kaj kontribui al lia *individuiga proceso*.

Konklude kaj instigcele al eblaj esploristoj de tiu temo, mi lasu al viaj konsideroj poemon miabloge loĝantan:

[https://www.paposnascentes.com/2016/02/poezimistero-misterio-da-poezia.html].

## POEZIMISTERO

*Poezia mistero. Komponi poemojn*
*similas al ĉiela nubo-arigo: arigo de spiro*
*blov'vortigo.*
*Nubo montriĝas, ostro-iĝas,*
*aliiĝas – subita apero.*

*Poemo sin rivelas:*
*malpli diraĵo, plie kaŝitaĵo.*
*Poezion poemo vualigas. Poezio*
*malvualiĝas, praa Suno sentempa.*
*Poezio Verbostare silentas*
*... nubopalpebrume!*

Iel pri simila temo troviĝas alia poemo, nome "Memportreto/ Autorretrato" [https://www.paposnascentes.com/2018/06/memportreto--autorretrato.html#links]. Ĉu iam falos tiu vualo kaj malaperos tiu mistero? Ĉu respondecos pri tiu eventuala senvualigo Arto, Scienco? Ĉu eble Filozofio?

[1] Emerita profesoro pri Beletro (IL/UnB), poeto, preleganto, eseisto




# CORA CORALINA

## IOM DA POEZIO

Ana Lins dos Guimarães Peixoto estas la nomo de tiu Poeto, konata simple kiel Cora Coralina. Ŝi naskiĝis en la jaro 1889, en la brazila ŝtato Goiás, kaj forpasis en 1985. Ne! Ŝi ne forpasis, ŝi eterniĝis en nia literaturo. Aparta, eksterordinara detalo: ŝi komencis publikigi siajn tekstojn en la aĝo de 76 jaroj! Kaj formale ŝi frekventis lernejon nur ĝis la tria elementa jaro. Ŝi laboris kiel konfitisto, kaj verkis poemojn paralele. Ŝi skribis pri ĉiutagaĵoj de modesta virino en mondo regata de viroj kaj de krudeco. Malgraŭ tio, ŝia mesaĝo estis ĉiam pozitiva, homama kaj fidoplena. La fama, mondrekonata poeto Carlos Drummond de Andrade estis unu el ŝiaj admirantoj.

Nian omaĝon al la granda Poeto Cora Coralina, per Esperantigo de unu ŝia poemo:

# Anjo kaj Ŝiaj Ŝtonoj

Ne lasu vin detruiĝi...
Kolektante novajn ŝtonojn
kaj konstruante novajn poemojn.
Rekreadu vian vivon, ĉiam, ĉiam.
Forŝovu ŝtonojn kaj plantu rozujojn, kaj faru dolĉaĵojn. Rekomencu.
Faru el via ordinara vivo
poemon.
Kaj vi vivos en la koro de junuloj
kaj en la memoro de venontaj generacioj.
Ĉi tiu fontano estas por uzado de ĉiuj soifantoj.
Prenu vian parton.
Venu al ĉi tiuj paĝoj
kaj ne malhelpu ĝian uzon
al tiuj, kiuj soifas.

(PSV)



# RECENZO

Paulo Sergio Viana

## “La Fremdulo” de Albert Camus

Eldono Sennacieca Asocio Tutmonda, 1993.
Elfrancigis Michel Duc Goninaz

Ĉi tiu romano de Camus estas jam parto de la tutmonde rekonata literaturo. Meritoplene. Ĝi plenumas ĉion, kion oni povas esperi, kiam oni elektas romanon por legado.
Mi trovis ĝin en la biblioteko de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo kaj ĉi tie mi supraĵe komentos ĝin por instigi vin al aĉeto (eble rekte de SAT, aŭ UEA, aŭ BEL), aŭ al vizito al la biblioteko, kie cetere vi trovos multajn aliajn samvalorajn juvelojn.
La rakonto okazas en Alĝero. Ĝi estas simpla, rakontata per senornama stilo (tamen ne sen subtilaĵoj, kiuj pentras la psikon de la ĉefrolulo) kaj per tre rektaj vortoj. Preskaŭ seke. Ĝi enhavas du fragmentojn en la vivo de viro: en la unua parto, li priskribas preskaŭ banalajn okazaĵojn post la morto de sia maljuna, invalida patrino, ĝis li mortigas homon, kiun li eĉ ne konis, pro nura fuŝa interagado kun konato; en la dua parto, li priskribas la juĝon, al kiu oni submetis lin. La protagonisto havas strangan psikon, ŝajne nekapablan emociiĝi. Li kvazaŭ raportas el alia dimensio, ekster la mondo, kie li mem vivas.

Li ŝajnas indiferenta al preskaŭ ĉio, ĉirkaŭ si. Eĉ la morton li rigardas de malproksime. Li tute ne okupiĝas pri la senco de la vivo. En la tago post la entombigo de sia patrino, li malvarme akceptas inviton de virino por spekti komikan filmon de Fernandel.

En kulmina momento de la rakonto, kiam la rakontanto troviĝas en karcero, li priskribas streĉajn dialogojn kun pastro, kiu sin prezentis por spirita konsolo. Montriĝas lia kompleta nekapablo senti ian ajn lumeton de kredo, de fido. Lin eĉ agacas kaj kolerigas la ĉeesto de la sacerdoto.

La temo do estas: kiel juĝi homon? Ĉu juĝistoj rajtas uzi por ĉiu homo samajn kriteriojn por verdiktoj? Kiel kompreni la kialojn de la homaj agoj? Ĉu la homo egale kulpas, se li havas tian aŭ alian temperamenton? Ĉu ekzistas personoj, kiuj estas absolute blindaj kaj surdaj por la ordinaraj sociaj konvencioj kaj kredoj? Ĉu ekzistas homoj, kiuj ne kapablas ami?

Tiusence, la romano estas iel ekzistencialisma: la vivo ne havas celon, subjektivecon, metafiziko estas nulaĵo. Oni vivu ĉiun tagon kun ĝiaj cirkonstancoj, kiel eble plej objektive.

Albert Camus naskiĝis en Alĝerio, en la jaro 1913, kaj mortis en Francujo, apenaŭ 46-jaraĝa. Li ricevis la Nobel-premion en 1967. Kiel filozofo, li pledis por la libereco de la homo kaj pri la sensenceco de la vivo. Li ofte emfazis la miton de Sizifo, en la helena mitologio. Malgraŭ sia “seniluzia humanismo”, li tamen implikiĝis en politikajn agadojn kaj partoprenis en la franca rezistado kontraŭ naziismo, dum la Dua Mondmilito.

La Esperanta traduko de “La Fremdulo” estas bonega, ne nur ĝusta, sed trafe redonanta la ombrecan atmosferon de la verko. Tio faras la libron eĉ pli leginda. La eldonon de SAT ornamas bela portreto de la aŭtoro, farita de la fama fotisto Cartier Bresson.

# EL LA VIVO DE FAJROBRIGADISTO ALVENIS LA TAGO

Alencar Esmeraldo

Alvenis la ĝusta tago kaj kune la espero, ke ni fariĝos profesiaj plonĝistoj en la Fajrobrigado de Ŝtato San-Paŭlo, oficialigita de la Brazila Mararmeo.

En la urbo Ubatuba ni parkis la kamionojn, elprenis la materialon kaj la nutraĵojn. La tuto estos transportita per barko al insulo Anchieta. Ni feste atendis la ordonojn de la komandanto. Por nia surprizo, ni aŭdis de li:

- Ĉiuj trejnantoj surmetu bankalsonon, naĝomaskon kaj piednaĝilojn. Vi naĝos ĝis la insulo.

La distanco estis 8-kilometra! Ni eniris la maron. Post 90 minutoj, unu el niaj amikoj eknaŭzis, kaj ni petis helpon por li, ke oni portu lin per

la barko. La komandanto afable respondis:

- Ne! Kiu venos en la barkon, tiu perdos la rajton sekvi la kurson.

Ni decidis helpi mem unu la alian, se necese.

Alia problemo estis kramfoj. Fine, ĉiuj alvenis al la celo post 3 horoj kaj duono. Tute elĉerpitaj. La komandanto denove afablis:

- Gratulon! Ĉiuj alvenis bonorde, mi scias, ke vi estas lacaj kaj malsataj, sed antaŭ ol manĝi kaj ripozi, vi devas alporti la tutan materialon al la deponejo.

Ni stumblis kaj lamis, sed plenumis la ordonon, sub la akuzo “Molaĉuloj!”. Aliaj uloj mokadis nin. Fine ni sukcesis kompletigi la taskon kaj ripozi.

Sed ne longe daŭris nia ripozo. Post unu horo kaj duono jam eksonis voĉego ordonanta, ke ni enviciĝu por korpekzercoj. En militista medio nenio estas farebla, krom obei. Ni vigle gimnastikis ĝis la 23-a horo!

En la sekva mateno ni devis ellitiĝi je la 6-a horo, kaj denove gimnastiki. La kafon ni englutis je la 9-a horo. Kaj dum la tuta tago ni laboris senĉese.

Je la kvara tago albordiĝis majesta, granda ŝipo, kiu portis nin ĝis alia insulo “Vitória”, kie vivas multaj birdoj. Tie ni devos plonĝi ĝis profundo de 50 metroj. Dum la ŝipveturado, pli da korpekzercoj, sub krudvoĉaj postuloj.

Ni alvenis al la nova loko, eknaĝis, pretigis nian submaran veston kaj ilaron, kaj duope ni plonĝis je la fiksita profundo de 50 metroj. Tie ni devis surgenuiĝi kaj estro frotis nian kapon per sablo: tio estis speco de tradicia bapto. La baptado de la tuta grupo daŭris la tutan tagon.

Ni revenis, fine iom ripozis kaj kontente ni ricevis la informon de nia estro, ke ĉiuj lernantoj estis aprobitaj!

(Esperantigis PSV)

## ASOCIO ESPERANTISTA DE RIO-DE-ĴANEJRO OKAZIGIS UNU PLIAN TREJNADON POR INSTRUANTOJ

La 6-an de aprilo 2019 la XXI-a Trejnado por kursgvidantoj de Esperanto okazis en la sidejo de Kultura Kooperativo de Esperantistoj, sub la aŭspicio de AERĴ. Jen interesa iniciato, kiu jam de iom da tempo okazas en Rio, se oni konsideras la bezonon plimultigi kaj plibonigi la kvaliton de nia lingvoinstruado.

Je la malfermo, oni laŭtlegis salutmesaĝon senditan de Mireille Grosjean, prezidantino de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI). Tuj poste, komenciĝis la prelego de Aristóphio Alves pri «Aliroj, metodoj kaj teknikoj en la instruado de Esperanto». La prelego estis registrita kaj disponeblas en jutuba kanalo. En la sekvo, Dirce Sales kaj Victor Mendes prezentis didaktikajn muzikojn en Esperanto kaj partoprenigis ĉiujn ĉeestantojn per kunkantado.

Post la tagmanĝa paŭzo, okazis amuza interaga ekspozicio de didaktikaj ludoj, sub la respondeco de Marilza Silva kaj Victor Mendes. Pro ĝia sukceso, oni jam ekplanas pli ampleksan programeron kun esperantaj ludoj, por la Ŝtata Renkontiĝo. Fine, oni pridiskutis planadon de enkonduka leciono de Esperanto.

Dosieroj de muzikoj kaj ludoj uzataj dum la evento estos iom pos iom alŝutitaj al interreto kaj estos disponeblaj en la dosierujo de AERĴ.

Dum la evento funkciis la libroservo de KKE. La tuta evento estis bela kunlaboro inter AERĴ, Kultura Kooperativo de Esperantistoj kaj Internacia Ligo de Esperanto-Instruistoj.

# BRAZILANINO INTER LA PLEJ BONAJ INSTRUISTOJ EN LA MONDO

Fondaĵo Varkey, kun sidejo en Britujo kaj oficejoj en Dubajo, Argentino, Ganao kaj Kenjo, estis kreita por apogo al Edukado, laŭ la devizo: “Ĉiu homo meritas bonan instruiston”. Ĝi do laboras por plibonigi la situacion de instruistoj tra la mondo. Mankas instruistoj kaj precipe mankas bona kvalito en la laboro de la ekzistantaj profesiuloj. Unu el la iniciatoj de Varkey-Fondaĵo estas la “Premio Plej Bona Instruisto en la Mondo“ - speco de ”Nobel” en tiu fako. Miloj da kandidatoj el dekoj da landoj ĉiujare enskribiĝas, ĉar ili klopodas bone plenumi sian taskon. La kriterioj por la premio estas, ke la instruista laboro estu laŭgrade didaktika, kreema, originala, alloga, utila al la profesia formado de junuloj kaj ke ĝi ligiĝu kun la ĉirkaŭanta komunumo.

En marto 2019, en Dubajo, la heroa kenja instruisto Peter Tabichi estis la granda premiito, tute merite. Li instruas Matematikon kaj Fizikon al malriĉaj infanoj en Afriko, en vilaĝo preskaŭ senrimeda. Li estas monaĥo.



Inter la dek finalistoj en 2019, staris la 39-jara brazilanino Débora Garofalo. Ŝi estas por ni kialo por fiero. Ŝi diplomiĝis pri Beletro kaj Pedagogio, sed ŝi instruas robotikon, teknologion

kaj informadikon. Ŝi laboras en municipa lernejo en malriĉa kvartalo de la urbo San-Paŭlo. Tie ŝi kunigas sian instruadon al laboro favora al la ĉirkaŭanta komunumo. Débora rimarkis, ke rubaĵojn kaj uzi la taŭgan materialon por konstruado de etaj maŝinoj, robotoj kaj aliaj iloj. Tiel ŝi instruas sciencon, civitanecon kaj kunlaboron kun la komunumo por pli bona vivmedio. La



en pluvaj tagoj, multaj lernantoj mankas en la lernejo, pro inundoj en la kvartalo. Parton de tiu malnova problemo kaŭzas akumulado de rubaĵoj surstrate, kiuj ŝtopas la defluejojn. La instruistino do propriniciate instruas siajn gelernantojn kolekti tiujn homoj en Varkey-Fondaĵo perceptis la valoron de ŝia agado.

Débora Garofalo ne ricevis la plej altan premion. Sed simpla starado inter la dek plej bonaj instruistoj en la mondo estas ja granda atingo. Gratulon al tiu valora brazila instruisto!

# FALSA AKUZO

## Stanislaw Ponte Preta

- Kiu ekhavis tiun ideon, tiu estis la baptopatro de nia plej juna filo - li rakontis al mi. Li alportis la hundon donace kaj tuj la tuta familio enamiĝis je la besto. Li ja ne kontraŭis, ke oni havu dorlotbeston hejme, kondiĉe ke obeema kaj sufiĉe edukita.

- Sed tiu hundo estis tedulo - li konfesis.

Ĝi estis unu el tiuj purrasaj hundetoj, plenaj de kapricoj, kiuj manĝas specialajn nutraĵojn, bezonas multajn zorgojn, nu, kompleta tedulo. Kaj ĉar tio ne sufiĉis, ĝi malsimpatie kondutis kontraŭ la dommastro.



- Ĝi konstante skuis la voston al ĉiuj, sed kiam mi envenis hejmen, jen ĝi akute bojis kiel antipatia francina hundo.

Krome ĝi estis flatemulo. Ĝi memorigis min pri iaj politikistoj en opozicia partio, kiuj akre riproĉas ministron, sed kiam la ministro ĉeestas ili kaŝas sin sub tapiŝo. Kiam ili renkontiĝis en koridoro aŭ alia domĉambro, la aĉulo graŭlis minace, sed kiam la edzino ĉeestis, ĝi skuis la vosteton, kvazaŭ amiko.

- Kiam mi plendis, dirante ke la hundo estas cinikulo, tiam mia edzino kverelis, kaj diris, ke

neniam ekzistis malsincera hundo, kaj ke mi agas malbonvole kontraŭ la “kompatindulo”.

Je rapida kalkulo, mi povus nombri: la hundo manĝis ok miajn ŝtrumpetojn, ronĝis manikon de anglaŝtofa palto, ŝiris plurajn librojn, ne rezistis vidon de ŝuo, kaj ĝin tiris al nekredeblaj lokoj. Vivo en la hejmo fariĝis neeltenebla. Mi timis, ke okazos divorco, pro tiu kretena besto. Mi klopodis forigi ĝin plurfoje, sed la infanoj ploregis kaj la edzino koleris.

- Vi estas senkorulo - ŝi diris, foje.

Li fine venkis la bataladon kontraŭ la hundo danke al la malbona edukiteco de la malamiko. La hundeto komencis pisi sur lokojn, kie ĝi ne rajtus. Plurfoje oni riproĉis, sed ĝi plu daŭrigis sian malbelan kutimon. Ĝi tion faris plurfoje sur la tapiŝon en la vizitĉambro. Ĝi tion faris sur la pupon de la pli aĝa filino. Kvar-, kvinfoje ĝi tion faris sur la ludilojn de la pli juna filo. Kaj la kulmino okazis, kiam ĝi pisis sur la novan robon de la edzino.

- Ĉu tiam oni forsendis la hundon? - mi demandis.

- Jes. Sed mi postulis, ke oni donacu ĝin al amiko, kiu amegas hundojn. Ĝi vivas regalan vivon en la nova loĝejo.

- Tamen... ĉu vi ne malamis ĝin? Kiel vi trovis tiun paradizon por ĝi?

- Problemo en mia konscienco - li klarigis: - La pison ne ĝi faris.

Kaj li suspiris kulposente.

# KINO KAJ ALIAJ ARTOJ

*Anna Lobo*




**ROMO**

Direktoro: Alfonso Cuarón
Aktoroj: Yalitza Aparicio, Marina de Tavira kaj Nancy Garcia
Lanĉo: 14.12.2018
Tipo: Dramo
Tempodaŭro: 2h 15min
Lando: Meksiko kaj Usono

Mi ofte ricevas indikojn pri filmoj, kaj por ĉi numero estis mirinda propono de Paulo Sérgio Viana. "Romo" estas meksika filmo, kiu kurioze estis produktita de "Esperanto-Filmoj". Ĝi gajnis tri Oscar-premiojn – tiun de plej bona direktoro, plej bona eksterlanda filmo kaj plej bona fotografio - el dek al kiuj ĝi estis indikita. Vi bone trafas, se vi vidas ĝin kiel altnivelan artaĵon. Oni ne mensogas, se oni diras, ke per tiu filmo la direktoro atingas la pinton de sia kariero.

La preparado kaj planado de la filmo ne estis la plej kutima. Alfonso Cuarón, la direktoro de la filmo, kune kun sia amiko kaj fotografiisto Emmanuel Lubezski, ĝin planadis. Sed, kelkajn semajnojn antaŭ la komenco de la filmado Emmanuel rezignis pri laboro en la filmo kaj tiam Alfonso prenis ankaŭ tiun taskon. Poste, nur du semajnojn antaŭ la komenco de la filmado, oni rajtis legi la filman gvidplanon, kaj komencis la serĉadon pri la lokoj, objektoj de la epoko kaj necesaĵoj por eki la filmadon.

La ĉefa rolulo estas domzorganti-

no de granda familio en Meksiko dum la 70-aj jaroj. Dum la filmo oni rimarkas la interrilatojn de la familio en la domo kaj la okazaĵo-jn en tiu jaro, kaj kiel tio influas ĉiujn. Tiu ĉi filmo ankaŭ parolas pri la mortigado de studentaro kiu manifestaciis por liberigo de poli-tikaj kaptitoj.

Pro ĉio tio kaj pro la etoso de la filmo, Alfonso vidis ĝin nigreblan-ka, kaj tiel ĝi fariĝis - malgraŭ ke dum la filmado oni uzis kolorojn kaj pristudis, kiel tiuj malsamaj koloroj povus influi la variecon de grizoj ĉe la filmo kaj igi ĝin okul-frapa.

Mi rimarkas ke ja estas multaj scenoj ege mirindaj, plenaj je sentoj kaj ege kortuŝaj. Mi pen-sas, ke pluraj emas ja spekti la fil-mojn, kiuj gajnis Oscar-premiojn. Tamen, se vi ankoraŭ ne spektis ĝin, mi esperas, ke mi sukcesis instigi vin ĝin spekti. Profitu, ke ĝi estas en Netflix kaj prepariĝu por esti ravita de la filmo kaj enigita en etoson de Meksiko.



# KORESPONDADO

*De nia leganto, aktiva Esperantisto Fábio Silva,*
*el la urbo Pouso Alegre / MG, ni ricevis jenan korespondaĵon,*
*pri favoraj kondiĉoj por agado por nia lingvo en tiu simpatia urbo.*
*Tie okazis la lasta eldono de BEL-Konferencoj, kun granda sukceso.*
*Lia retadreso: esperanton@gmail.com*

Poŭzalegro ne estas turisma urbo, sed en ĉi tiu urbo oni vidas interesan kulturan etoson. En 2017 estis inaŭgurita en la urbo la Kulturcento Cleonice Bonillo Fernandes. Tiu loko entenas la urban bibliotekon, la intendantejojn pri sportoj kaj kulturoj, aŭditorion kaj kelkajn ĉambrojn, kiuj utilas por diversaj aferoj, ĉefe por kursoj kaj semajnaj renkontiĝoj.



La Kulturcentro funkcias en konstruaĵo registrita kiel urba heredaĵo kaj ĝi estas grava loko por la urba historio.

En tiu loko okazis la lasta SUMIRE (Sudminasa Renkontiĝo de Esperanto) kaj nuntempe, tie okazas




baza kurso de Esperanto.

Nia grupeto ĉiam pensas pri la disvastigado de Esperanto, do ni vidis bonegan okazon montri Esperanton al ĉiuj. Estis proponita tute senpage al direktorino de la Kulturcentro la farado kaj la instalado de informo-ŝildoj. Ni postulis nur unu kondiĉon, nome, ke la ŝildoj nepre estu dulingvaj. Tiel naskiĝis la projekto Dulingva Kulturcentro.

Estis instalitaj pli ol 50 ŝildoj kun diversaj informoj kaj grandecoj. Ĉi tiu laboro estas unu plia projekto iniciatita de la grupo Monda Lingvo.

# La vidpunkto de matematika instruisto pri potencoj

*Audino Rashi*

Pasintece, en la paĝo “Lingva Konsultejo” de Fejsbuko, oni demandis pri la maniero legi la potencon **$5^3$**. “Kvin alt tri”, “Kvin je la tria potenco” aŭ simple “Kvin je la tria”, “La tria potenco de kvin”, “kvin potencigite per tri”, “potenco de kvin per tri”, “la kubo de kvin”; ekzistas diversaj bonaj esprimoj por tiu potenco. Nun mi provos klarigi la vidpunkton de instruistoj pri Matematiko, kiel mi, pri tiu temo.

***Pri POTENCO: “Δ 5 a) La produto de pluraj faktoroj egalaj al donita nombro: la kvara potenco de 3 estas $3^4 = 3×3×3×3 = 81$ (4 estas la eksponento, 3 la bazo aŭ potencato).” http://vortaro.net/#potenco***

Se estas vero ke, en la eksponenton, oni povas meti “la mondon”, multe pli vere estas ke la plej oftaj kaj uzataj kazoj estas la eksponentoj 2 kaj 3. Ĉar tiuj eksponentoj estas matematike gravaj, oni rezervas, por ili, specialajn radikojn, nome, kvadrato (2) kaj kubo (3).

Kvadrato estas 2-dimensia figuro kaj ĝi estas uzata kiel mezurunua bazo de areo en la Internacia Sistemo de Unuoj (**SI**). En la kvadrato, kies latero mezuras 1 m, la areo estas 1 $m^2$ (unu kvadrata metro). Por kalkuli la areon de iu kvadrato kies latero mezuras 3 m, oni reprezentas ĝin per “3 × 3” (tri oble tri) aŭ “$3^2$” (la kvadrato de tri) kaj la rezulto estas “9 $m^2$” (9 kvadrataj metroj). La esprimo “**kvadrato de tri**” estas multe uzataj de matematikaj instruistoj ĉar ĝi, didaktike, emas igi la lernantojn vidi la profundan rilaton inter Aritmetiko kaj Geometrio.

Per simila rezono, ĉar “**Kuba metro**” ankaŭ apartenas al **SI**, oni povas teni la volumenon de iu **KUBO** (3-dimensia solido) kalkulante “la kubon de” ĝia eĝo. Ekzemple, se la mezuro de la eĝo de iu kubo estas 2 m, ĝia volumeno estas “la kubo de 2” ($2^3$) kaj la rezulto estas “8 kubaj metroj” (8 $m^3$).

La emo alproksimigi malsamajn partojn de Matematiko ne estas afero nuntempa. En 1202, en la libro “liber abbaci” (libro pri kalkulado) de Leonardo de Pizo, pli konata kiel **Fibonacci**, li uzis frazon kiu multe influis ankaŭ nian esperantan “**kvadrata radiko**” (√): “radix quadratum 16 aequalis 4”, kies signifo estas “la latero de la kvadrato 16 egalas al 4”. Tie ĉi oni povas rekoni la naskiĝon de esprimo uzata tra la tuta mondo kaj estas ekzemplo, en la historio de la homaro, en la historio de matematiko, pri la tendenco kunligi aritmetikan simbolon kun Geometrio.

Surbaze de tiuj argumentoj, oni povas diri ke, el inter tiom da bonaj legmanieroj, “**la kubo de kvin**” (**$5^3$**) estas la plej uzinda esprimo por tiu matematika simbolo. Ĝi estas eleganta, konciza, ampleksa, didaktika, belsona kaj konforma al la historia tradicio de la homaro, koncerne al Matematiko. Do...

# Kial ne uzi ĝin?!

Ĉi tiuj argumentoj nutras opinion de simpla mezgrada instruisto pri **Matematiko**, “la reĝino kaj servanto de la sciencoj”, kaj ili ne ĉiam konvinkas la plejmulton. En ĉi tiu ekzakta momento mi cerbumas pri zamenhofa frazo: “ĉu miaj klarigoj pri la montritaj proponoj konvinkis la legantojn pri ilia malakceptindeco?”. Kiam la historio respondos ĉi tiun demandon, verŝajne mi jam estos vivinta...


KVADRATA METRO

FIZ m²

Mezurunuo de areo en la Internacia Sistemo de unuoj, egala al la areo de kvadrato, kies latero egalas al unu metro; simb. m2: unu arbetaĵo de tiu ĉi kreskaĵo ombras la spacon de tri kvadrataj metroj ; la provoj, kiujn oni faris kun tiu ĉi reto sub Quiberon, sur la spaco de 800 kvadrataj metroj, donis rezultaĵojn tiel bonajn, ke [...] ; apartamentoj ĉe la marbordo kun areo de 100 kvadrataj metroj kostas 75 000 eŭrojn ; areo de cirklo kun unumetra radiuso estas π kvadrataj metroj.

KUBA METRO

FIZ m³

Mezurunuo de volumeno en la Internacia Sistemo de unuoj, egala al la volumeno de kubo, kies eĝo egalas al unu metro; simb. m3: oni konstruis akvujon, kiu povis enteni ĉirkaŭ tri miliardojn da kubaj metroj ; unu kuba metro da ligno en formo de ŝtipoj kostas 60 € ; unu kuba metro da neĝo pezas 300-500 kilogramojn ; kuba metro da akvo pezas proksimume unu tunon.

# REAPERIS “RIO ESPERANTISTA”!

Kun granda ĝojo ni diskonigas, ke reaperis la tradicia organo de Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵanejro - “Rio Esperantista”, numero 206. Post iom da ĉesigo, kiam la asocio devigis ordigi siajn financojn, jen nun reaperis tiu grava revuo, kiu transdonas valorajn kontribuaĵojn de la samideanoj de tiu ŝtato. Bela aranĝo kaj redakto de la juna aktivulo Allan Argolo, kun riĉa enhavo:




- Intervjuo: Babilado kun Renata Ventura;
- Kovrile: Nia Juvelaro en nova vesto (José R Tenorio), Nova Zamenhofa Biografio (Fernando Pita), Nigra Birdo (Marcionilo Vanconcelos);
- Poezia Angulo: Montararbo (Augusto dos Anjos, trad. Euleax Elias);
- Rakonto: La knabo kaj la lamparino (Vinícius HPR);
- Vivstilo: Respekti bestojn ne laŭ-vorte, sed laŭ-kondute (Leandro Silvestre);
- Scienco: Nia memoro devenas de viruso;
- Anoncoj;
- Raportoj.

https://drive.google.com/file/d/1Dz3Z2PjVUIh7FDi-7PD4VR-pawQRmtEa3/view

Ni valorigu la laboron de AERĴ! Trafa maniero fari tion estas aliĝi al la asocio kaj aktive partopreni en ĝia agado.

# NOVAJ APOGINDAJ INICIATOJ DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

*Du novaj, salutindaj proponoj antaŭ ne longe aperis en la agado de Universala Esperanto-Asocio.*

**FILMETOJ**

La unua celas motivi homojn partopreni en Universalaj Kongresoj de Esperanto. Por tio oni kreis kanalon en Jutubo, kiu enhavas filmetojn faritajn okaze de pasintaj kongresoj. Oni povas spekti ilin per jena adreso:
https://www.youtube.com/user/UEAviva
La unuan el tiuj filmetoj faris la brazilano Rogener Pavinski, redaktoro de la revuo Kontakto. Ĝi montras ĝeneralajn aspektojn de la evento kaj de la kongresa urbo Lisbono, en 2018. Ĝi havas subtekstojn en ses lingvoj kaj estas rekomenditaj kiel ilustraĵoj en Esperanto-kursoj.
Sekvas serio da 24 filmetoj faritaj de alia brazilano, Ciro Gomes de Freitas, kiu intervjuis multajn homojn en Lisbono. La liston kompletigas dek filmetoj de Nelida Weidmann-González-Fonseca pri interesaj momentoj en tiu sama kongreso.
*Laŭ Gazetaj Komunikoj de UEA n-ro 792 (2019-04-05)*

---

**MONDA KULTURO**

Pri la dua grava iniciato de UEA respondecas ankaŭ brazilano: Fernando Maia Jr.. Li kunlaboras kun la tuta estraro kaj kun la geredaktoroj de la reta Revuo Esperanto. Ĝi ricevis la nomon "Monda Kulturo". Oni celas aperigi artikolojn, kiuj prezentas elementojn de niaj diversaj kulturoj tra la mondo - muzika, literatura, pentrarta, kinarta, danca, arkitektura, k.a.. Por tio, UEA alvokas ĉiujn Esperantistojn partopreni, per sendo de artikoloj. La koncernaj tekstoj devas trakti pri specifa kulturbranĉo, montru la mondan diversecon, kaj ne estu tro longaj: inter 500- kaj 1000-vortaj. Oni devas aldoni ilustraĵojn, por kiuj oni ne postulas aŭtorajn rajtojn. La proponatajn artikolojn oni sendu al redakcio@revuoesperanto.org kaj al fmaiajr@gmail.com.
*Laŭ Gazetaraj Komunikoj de UEA N-ro 787 (2019-03-17)*

# La plej bonaj ludoj por mensa sano

Sajjad Dashti Nezhad

Dum lastaj jaroj, ni iom post iom komencas forlasi niajn antaŭjuĝojn pri mensaj malsanoj kaj ekis pli serioze paroli pri ili, akcepti tion kaj serĉi solvojn. Eble parto de tio estas pro ege granda vasteco de tiu ĉi problemo inter homoj. En niaj modernaj socioj, mensaj malsanoj estas ege multe kaj ni neniel povas nei ĉi tiun veron. Alia kialo povas esti bonaj klopodoj de organizaĵoj (Ĉu registaraj ĉu neregistaraj, internacie). Nun nia moderna socio komprenas, ke mensaj malsanoj same gravas kiel fizikaj malsanoj. Do ni serĉas medikamentojn kaj aliajn kuracajn manierojn kontraŭ mensaj malsanoj, same kiel ni serĉas kontraŭ fizikaj malsanoj.

Ni jam ĉiutage aŭdas kaj legas pri mensaj malsanoj kiel deprimo, angoro ktp kaj kuracistoj provas trovi plej bonajn manierojn por flegi ĉi tiujn malsanojn. Sed unu el la plej gravaj aferoj pri ĉi tiuj malsanoj estas tio, ke malkiel fizikaj malsanoj, pri mensaj malsanoj, aliaj nefizikaj kaj nemedikamentaj solvoj povas esti ege utilaj. Ekzemple filmoj, libroj ktp povas ege efike helpi homojn kun ĉi tiuj mensaj malsanoj (kvankam oni devas ne interpreti tion kiel la finan solan solvon kaj ne serĉi helpon de profesiulo kaze de seriozaj problemoj). Unu el la aferoj, kiuj dum lastaj jaroj montris sian utilecon pri mensaj malsanoj, estis uzi ludojn por helpi al mensaj malsanuloj. Ludoj malkiel libroj, filmoj ktp estas plene interagaj amaskomunikiloj. Homoj ne nur legas aŭ vidas ies vivon kaj defiojn sed ili mem estos parto de la historio. Ludante, oni plene eniĝas en la historion kaj mem agas kiel la rolulo en la ludo. Tial la efiko de ludoj por helpi homojn kun mensaj malsanoj estas ege alta kaj multaj kreantoj de ludoj jam faras ludojn en ĉi tiu temo. Dum la unuaj jaroj, nur etaj entreprenoj kuraĝis fari ludojn en ĉi tiu etoso ĉar estis plene nova kampo kaj ili ne volis paŝi enen. Sed jam eĉ grandaj entreprenoj komencis fari ludojn celante mensajn malsanojn kaj helpi homojn suferantajn ilin.

En ĉi tiu artikolo vi legos pri 3 ludoj kies rakonto temas pri mensaj malsanoj kaj helpas al ludantoj pli bone ekkoni tiujn problemojn, defiojn kaj solvojn.

# Gris

***Kreinto:*** *Nomada Studio*
***Publikinto:*** *Devolver Digital*
***Platformoj:*** *Nintendo Switch, macOS, Microsoft Windows*
***Dato de publikiĝo:*** *13 Decembro 2018*

La aspekto de la ludo Gris estas bela unika minimumisma 2D-a kiu en la unua vido plene atentigas la vidanton/ludanton. La koloraro de ĉi tiu ludo estas ege bele elektita kaj faritaj animacioj en ĝi estas ege delikataj. Sed la aspekto ne estas ĉio, kio specialigas ĉi tiun ludon.



En ĉi tiu ludo, vi ludas kiel lerta blu-harara knabino, kiu devas reporti koloron kaj vivon al detruita sen-kolora mondo. Por fari tion, la knabino devas salti, naĝi kaj trovi sian vojon en defiaj lokoj kaj kolekti lumojn kaj aldoni la lumojn al la ĉielo supre.

La vorto Gris en la Hispana signi-fas “Griza”. La esenco de la ludo temas pri la personaj perdoj de la rolulino. Ŝi dum la ludo iel klopodas trovi sian voĉon. La senkolora detruita mondo iel montras malĝojan etoson kaj situacion en kiu vivas la ĉefrolulo de la ludo. Dum la ludo, la knabino estas postkurata de nigra amfora kreaĵo, kies vizaĝo dum la ludado ŝanĝiĝas kelkfoje. Ĉi tiu kreaĵo esence estas metaforo de malĝojo kaj deprimo de la knabino. Ĉi tiu kreaĵo en iu ajn momento po-vas plene neatendite ekaperi dum la ludo, kiel en la reala vivo malĝo-jo kaj deprimo tiel aperas.

# 2 Child of light

***Kreinto:*** *Ubisoft Montreal*
***Publikinto:*** *Ubisoft*
***Platformoj:*** *Microsoft Windows, PlayStation 3, PlayStation 4, Wii U, Xbox 360, Xbox One, PlayStation Vita, Nintendo Switch*
***Dato de publikiĝo:*** *Aprilo-Julio 2014*

En ĉi tiu ĉarma 2D-a ludo, princino Aurora post la morto de la patrino kaj reedziĝo de la patro falas en malvarman dormon. Ĉi tiu etoso kaj situacio esence estas alegorio por deprimo kaj malĝojo. Dum la ludo, la princino alvenas al sonĝeca mondo en kiu ŝi devas lerni, ami, kreski kaj batali kontraŭ malĝojo. La ludo ege bele uzas stilon de rakontlibroj por krei la etoson kaj tio unikigas ĝin. La mondo estas tiel farita, ke homoj de ĉiuj aĝoj povas ĝui ĝin. Sed la ludo havas vere gravajn lecionojn por infanoj kaj plenkreskuloj, kiuj estas kaptitaj en deprimo kaj malĝojo.
La ludo komence estis rivelita en GDC Europe 2013 per Patrick Plourde. Estas dirite, ke la ludo Child of light pri la arta stilo estas inspirata de Studio Ghibli kaj Yoshitaka Amano. En la prezentado, Child of light similas al ludoj kiel Vagrant Story, Final Fantasy VIII kaj Limbo.



# 3 Celeste

***Kreinto:*** *Matt Makes Games*
***Publikinto:*** *Matt Makes Games*
***Platformoj:*** *Linux, macOS, Microsoft Windows, Nintendo Switch, PlayStation 4, Xbox One*
***Dato de publikiĝo:*** *25 Januaro 2018*

La ludo *Celeste* estas farita de Kanadanaj lud-programistoj Matt Thorson kaj Noel Berry kun Brazila studio MiniBoss. La ludo esence estis kreita kiel ekzemplo dum 4 tagoj en luda evento kaj poste ili prilaboris ĝin kaj faris ĝin kiel plenan publikeblan ludon. En la jaro 2018 Celeste sukcesis esti la 5a ludo en la listo de la ludoj de la jaro de Poygon.

La ludo Celeste temas pri knabino nome *Madeline*. Celeste estas la nomo de la monto, sur kiu Madeline provas iri. La ĉefrolulo de la ludo suferas anksion kaj atingas situacion en sia juna aĝo, en kiu ŝi perdas sian vojon. Do ŝi serĉas la sencon de defio kaj plenumi ĝin kaj do tial venas al la monto Celeste.

Kiam vi daŭrigas la ludon, vi renkontas esence parton de Madeline, kiu estas respondeca iel pri ŝia anksio kaj memdubo. Ĉi tiu rolulo iel estas kruela, kiu mokas Madeline kaj atakas ŝian memkonfidon. La anksio de Madeline foje forte sin montras en la ludo kiel ekpaniko kaj vi devas en momentoj helpi la ĉefrolulon retrovi sian trankvilecon.



Dum vi progresas en la ludo, vi trovas ege mojosajn verojn pri la monto, pri tiu krueleca rolulo ktp. La ludo estas ege provinda kaj ankaŭ jam iĝis unu el la plej ŝatataj ludoj por Speedrun konkursoj.

# 13º Congresso Paulista de Esperanto

## São Carlos/SP: 12 - 13 outubro 2019

## http://easp.org.br/congresso

Realização:




Esperanto-Asocio de San-Paŭlo

Contato com a organização local:

**Gilberto Menegasso**
(16) 3307-1132
*menegasso.gilberto@gmail.com*

Apoio cultural:




CEMAC
CENTRO MUNICIPAL DE ARTE E CULTURA



Prefeitura de
SÃO CARLOS